# *E N H A V O T A B E L O*

## de aprilo 2018



Tajpado kaj paĝaranĝo: Vivienne Tudts bert.boon@skynet.be
Provlegado: Jozefo Horvath www.esperanto.es/biblioteko
Kunlaborantaj redaktoroj: ĉu VI? Dankon! www.kolektado.esperanto.cc
Finredaktoro: Bert Boon

# *DE NI POR ... NI!*

La medalo sur la titolpaĝo estos ekde nun simbolo de la unua sukceso per gruppremа agado fare de nia fakgrupo ENA. Ĉe niaj gesamideanoj-filatelistoj de ELF-AREK tio jam delonge estas sukcesa strategio. Domaĝe ne ĉe ni, numismatoj, almenaŭ ne antaŭ la jaro 2014. Permesu do, ke ni iome fiere citu retmesaĝon el Seulo de 02.06.2017, kiu anoncis tiun eventon:

> *LKK decidis eldoni medalojn, kies eldonkvanto estos ĉirkaŭ 300.*
> *Ankoraŭ ne fiksita, post du semajnoj ni decidos eldonkvanton.*
> *Sincere via*
> *KANG Hongu*

En januaro, ENA denove sendis gruppreman petleteron, ĉi-foje al la LKK de la venonta UK en Lisbono, sed provizore ni nur rikoltas…silenton. Por gravaj decidoj ja necesas tempo kaj pacienco!*(vidu ankaŭ la leteron en "Retpoŝto"!)*

En 2018 ni jam povis aldoni al niaj membrolistoj ok novajn individuajn membrojn, respektive el Italio, Francio, el la Respubliko Makedonio, Sri Lanko, Usono kaj Belgio. Krome unu esperantan asocion el Italio kaj unu urban bibliotekon en Belgio.

En la aktuala numero – nome en nia rubriko "Moneroj & Medaloj"– ni prezentas novan subkategorian tipon sub la tipa nomo *E1Pra-insignaj medaloj*. Post kiam medaloj estis provizitaj per rubandeto kaj pendigilo, ili estas nomataj *ordeno* aŭ *dekoracio*. Tiuj objektoj inspiris sekve al fabrikado de ne-dekoraciaj kaj ne-ordenaj pra-insignoj kun ecoj kaj de medaloj kaj de ordenoj. Pri la historio de tiu procezo ni pli detale informos en estonta artikolo en la rubriko "Aspektoj de numismatiko". Kelkajn belegajn ekzemplerojn de tiu tipo ni jam detale priskribas kaj montras en ĉi numero…

Atentemaj legantoj eble jam rimarkis, ke en la antaŭa numero la paĝaranĝa aspekto de nia revuo jam iom ŝanĝiĝis. For estas grandparte la koloroj, malpli abundas la retpoŝto kaj krome la indiko en la paĝosubo estas novaĵo. Kelkaj el niaj legantoj tiurilate tute prave sendis rimarkojn kaj proponojn. Ni esperas, ke ne nur la enhavo, sed ankaŭ la aspekto kaj la lingvouzo paŝon post paŝo pliboniĝos, dank' al viaj ideoj kaj konsiloj!

En ĉi rubriko ni volas laste sed ne balaste tutkore gratuli nian ENA-membron **Huang Yinbao, konata en Esperantujo kiel Trezoro**. La januara "Ondo" informis, ke la 55-jara ĉina agronomo, ekonomikisto kaj entreprenisto estis elektita la esperantisto de la jaro 2017 pro tio ke li iniciatis kaj ekredaktis la Esperanto-version de **Unesko-Kuriero**, kunmetis por ĝi tradukteamon kaj krome lanĉis la sendependan revuon "Tra la mondo". Vi povas elŝuti ĉi-lastan ĉe http://tra-la-mondo.esperanto-urbo.de.

Bert

## Tipo A 1 – Esperanto-medaloj

Universala Kongreso Seulo 2017




| | |
|---|---|
| Lando: Respubliko Koreio | Kvanto: 300 |
| Metalo: kupro, malpolurigita per arĝentokoloro | Pezo: 64 g |
| Diametro: 48 mm | Medalisto: nekonata |
| Jaro: 2017 | Diko: 4 mm |

### *Averso:*

Centre:griza fono; perlorando kaj teksto sur pli nigra fono.
Surskribo: " • LA 100a MORTODATREVENO DE LUDOVIKO ZAMENHOF".
Meze: busto de Zamenhof, iom maldekstre.

### *Reverso:*

Centre: griza fono, perlorando kaj teksto sur pli nigra fono.
Surteksto: "•LA 102-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO, SEULO 22-29 JULIO 2017"
Supre: Esperanto-stelo, arkforme tranĉita.
Meze: fronta silueto de la palaco Ŝangdeokung en Seulo.



## Tipo E 1 – Pra-insignaj medaloj

10a Hispana Kongreso de Esperanto 1933






| | |
|---|---|
| Lando: Hispanio | Kvanto: nekonata |
| Metalo: arĝentumita | Pezo: 11,22 g |
| Diametro: 30 mm | Medalisto: nekonata (ĉu iu AM?) |
| Jaro: 1933 | Diko: 2 mm |

### *Averso:*

Supre: stelo kun radioj antaŭ stiligita ĉielaspekta fono.
Meze: surteksto: “X$^{A}$NACIAKongreso de E$_{S}$$^{P}$E$^{R}$ANTO”
Sub ĝi: fronta bildo de la Reĝa Palaco de La Magdalena en Santander.
Dekstre: 1933.
Sube: arkforma surskribo: SANTANDER per sin parte kovrantaj literoj.
Krome: laŭrobranĉo.

### *Rimarko 1:*

“Pra-insigna”: el kreiva kompromiso inter unuflanke ordenoj kaj aliflanke surhaveblaj aŭ surpendigeblaj medaloj (t.n. pra-insignaj medaloj) estiĝis niaj modernaj insignoj kaj butonoj.

## *Rimarko 2:*

Jen unu el la medaloj, kiuj iam troviĝis en la privata kolekto de sinjorino Lucrecia San Antonio; nuntempe ili troviĝas en la kolekto de la Biblioteko Juan Régulo Pérez en Madrido. (Vidu ankaŭ: Google "Bitoteko").

## *Rimarko 3:*

La deka nacia kongreso de la hispanaj esperantistoj okazis en la urbo Santander.

## *Rimarko4:*

Antaŭ la majuskla S de "Santander" videblas per lupeo du inicialoj: A kaj M. Ĉu eble la inicialoj de la medalista nomo?



*Kun danko al nia samideanino Ana Manero de Biblioteko Juan Régulo Pérez, kiu havigis al la redakcio informojn kaj fotojn pri kvar hispanaj kongresaj medaloj en ĉi rubriko.*



*Same tutkore ni dankas ankaŭ s-ron Ángel García Gutiérrez el Santander, kiu konfirmis, ke temas sur la medalo pri la Reĝa Palaco de La Magdalena kaj sendis ĉi-belegan aerfoton*.

## Tipo E 1 – Pra-insignaj medaloj

11a Hispana Kongreso de Esperanto 1936






Lando: Hispanio

Kvanto: nekonata

Metalo: arĝentumita

Pezo: 13,18 g

Diametro: 30 mm

Medalisto: nekonata (ĉu iu AM?)

Jaro: 1936

Diko: 2 mm

### *Averso:*

Supre-maldekstre: Esperanto-stelo kun radioj.
Dekstre: stiligita bildo de la famega baziliko Sagrada Familia.
Sube-meze: surskribo:
“XI$^{A}$HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO 1936BARCEL$^{O}$NA”.
Tute-meze: la urba blazono de Barcelono sur ornama soklo.

***Rimarko 1 + Rimarko 2:*** same kiel ĉe la unua medalo.

## *Rimarko 3:*

La urba blazono de Barcelono, sur la medalo tamen sen krono.





## *Rimarko 4:*

Probable denove la inicialoj de la nekonata medalisto.



La Baziliko Sagrada Familia, kreaĵo de la fama arkitekto Gaudí

## Tipo E 1 – Pra-insignaj medaloj

18a Hispana Kongreso de Esperanto 1957







Lando: Hispanio

Metalo: arĝentumita

Diametro: 30 mm

Jaro: 1957

Kvanto: nekonata

Pezo: 10,32 g

Medalisto: nekonata

Diko: 1 mm

## *Averso:*

Meze-supre: Esperanto-stelo kaj ambaŭflanke kaj sube surskribo:

“18$^{\underline{A}.}$ HISPANA ★ KONGRESO DE **ESPERANTO**”.

Meze: bildo de la madrida monumento “Fontana Cibeles”.
Sube: “MADRID 1957” kaj ambaŭflanke de la surskribo arkforme floroj kun tigo.
Ĉirkaŭe: staranta medala rando.




***Rimarko 1 + Rimarko 2:*** same kiel ĉe la unua medalo.

## *Rimarko 3:*

Nuntempa foto de la “Fontana Cibeles”.



## Tipo E 1 – Pra-insignaj medaloj

26a Hispana Kongreso de Esperanto 1965




| | |
|---|---|
| Lando: Hispanio | Kvanto: nekonata |
| Metalo: arĝentumita | Pezo: 6,04g |
| Diametro: 30 mm | Medalisto: nekonata |
| Jaro: 1965 | Diko: 1 mm |

### *Averso:*

Supre: stiligita verda Esperanto-stelo kun radia nimbo; truita hoketo kun pimpa ornamaĵo.
Ambaŭflanke: laŭro-branĉoj tra vertikalaj rulvolvitaj ekstremaĵoj de dokumenta banderolo.
Tute dekstre kaj maldekstre: patrono de strietoj.
Meze: "XXVIª HISPANA KONGRESO ESPERANTO PALENCIA".
Sube: "20-24 JULIO 1965".

### *Rimarko 1:*

Ĉi- pra-insigna medalo troviĝas en privata kolekto.

### *Rimarko 2:*

La 26a hispana kongreso okazis en Valencio (= "**P**alencia" laŭ hispana ortografio)

## Tipo E 1 – Pra-insignaj medaloj

33a Hispana Kongreso de Esperanto 1973






| | |
|---|---|
| Lando: Hispanio | Kvanto: nekonata |
| Metalo: arĝent(it)a | Pezo: 7,78 g |
| Diametro: 30 mm | Medalisto: nekonata |
| Jaro: 1973 | Diko: 1 mm |




***Averso:***

Ĉirkaŭe-ekstere:
"XXXIII HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO"

Ĉirkaŭe-ene: "MADRID 20-24 JULIO 1973"

Meze-supre: verda stelo, en kiu estas eta, malpreciza bildo. Laŭ Ana Manero de Biblioteko Juan Régulo Pérez: “Temas pri reprezento de la kvadrigo de Minervo, kiu ornamas la supron de la arko. La medala bildo vere estas tre stiligita, sed eblas konjekti tion el la libro "Historia del esperanto en Madrid", de Lupe Sanz, kie troviĝas la desegno” (dekstre sur la antaŭa paĝo!)

*Denove multan dankon al Ana Manero pro ŝia nemalhavebla serĉado!*



## ***Rimarko 1 + Rimarko 2***:

*Vidu denove la unuan medalon de ĉi rubriko.*

## ***Rimarko 3:***

Aktuala foto de la “Arco de la Victoria”



# *S P I K U M A Ĵ O J   K A J   S U P L E M E N T O J*

## Tipo A1 – Esperantaj medaloj

Centjariĝo de Esperanto 1987




Lando: Francio

Metaloj: bronzo / arĝento

Diametro: 46,5 mm

Jaro: 1987

Kvanto: nekonata

Pezo: 55 g

Gravuristo: Serge Santucci

Diko: 4,5 mm, reliefa

## *Averso:*

En la centro: steleto ĉirkaŭata de la nomoj EŬROPO, AZIO, AMERIKO, AFRIKO, AZIO, sur stiligita globo kun radioj, konsistantaj el kugletoj en perspektivo, mem ĉirkaŭata de senfina ondego, simbolo por Esperanto, kiu konkeradas / konkeradu la mondon.

Ĉirkaŭa surskribo: "•ESPERANTO LA INTERNACIA LINGVO •1887 – 1987".
Krome ĉirkaŭa perloŝnuro.

## *Reverso:*

Zamenhofa busto kaj skribo: •LUDOVIKO LAZARO • ZAMENHOF •maldekstre de la kapo: 1859 + stiligita floreto.
Dekstre de la kapo: "1917". Sub la dekstra ŝultro: "SA".
Krome: ĉirkaŭa perloŝnuro.

## *Rando:*

1987 signo (?) BRONZE (=laŭfranca ortografio por *bronzo*)

## *Rimarko1:*

En 1987 la franca ŝtata monerofarejo en Parizo decidis emisii memorigan medalon okaze de la centjara jubileo de Esperanto.

## *Rimarko 2:*

La gravuristo kreis la medalon kun helpo de la franca esperantisto Roger Despiney.

## *Rimarko 3:*

En 1987 la bronza medalo kostis 94 francajn frankojn, la arĝenta 615 ffr.

## **Tipo A 1 – Esperanto-medaloj** (varianto)






Lando: Francio
Metalo: bronzo
Diametro: 75 mm
Jaro: 1987

Kvanto: nekonata
Pezo: 220 g
Gravuristo: Serge Santucci
Diko: 6-8 mm, reliefa

### *Averso:*

*Kiel la unua medalo (1a), sed kun alia ĉirkaŭa surskribo:*
"UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO •1887 VARSOVIO •1987".

### *Reverso:*

*Kiel la unua medalo, sed* ***la jarciferoj "1859 1917" troviĝas nun dekstre de la busto.***

### *Rimarko1:*

Nia Hans Jankowski (vidu en "Esperanto-medaloj 1912-1995" p.6) supozas, ke la vendo de la unua medalo estis tiom sukseca, ankaŭ en la rondo de ne-esperantistaj kolektantoj, ke la monerofarejo en la sama jaro decidis emisii pli grandan medalon okaze de la jubilea UK en Varsovio (Pollando).

### *Rimarko 2:*

La eldonkvantoj de ambaŭ medaloj troviĝas en la Jarlibro 1987 de la Franca Monerofarejo en Parizo. Al ni provizore nekonataj. Kiu franc(in)o povas helpi la redakcion?

### *Rimarko 3:*

*Ni unue pritraktis ĉi-tiun medalon en jk1,n-ro 1,p. 4-5. Pri la medalisto: vidu en jk 4, n-ro 2, p. 12.*

# *P O R   S P U R E M U L O J !*

*En la arkivoj de ENA troviĝas diversaj fotoj kaj bildoj de esperantaj numismatikaĵoj, pri kiuj ni ĝis hodiaŭ scias preskaŭ nenion.*

**6a enigmo**

Glumarko el ĉ. 1910, el la kolektoj de la Esperanto-Muzeo en Vieno.




*Kio estis "*OFICEJO OBERGRUND B.N.B.*"? Ĉu la marko estis helpomono ĉe* LIBERA LIMLIGO *grupoj?*

**7a enigmo**

Kadroforma, blua valormarko kun centra blanka ortangulo por englui poŝtmarkon.




*La origino kaj la uzo de ĉi valormarko estas nekonataj al la redakcio de ENA.*

# Emisii medalojn: ĉu nur por riĉuloj? (3)

## 2. Speciala, sed ne vere ĉipa ceramikaĵo: porcelano

Porcelano estas delikata, duondiafaneta ceramika substanco, bakita el kaolino kaj sonora kiel vitro. La plej delikataj (maldikaj) objektoj meritas la honoran epiteton "ovŝela". Porcelano estis malkovrita kaj fabrikata en Ĉinio. La unuaj ceramikaĵoj estis fabrikitaj tie antaŭ ĉirkaŭ 20.000 jaroj, do dum la paleolitika epoko.

Post kiam la germano Ehrenfried Walther von Tschirnaus estis malkovrinta ĝin en Ĉinio, li diskonatigis la substancon kaj la teknikojn en Eŭropo. Post la 18a jarcento ĝi estis fabrikata kaj uzata i.a. en Saksio (Germanio) kaj Limoĝo (Francio).


*Kaolino*, nome «ceramikosto», laŭ ĉinoj.


*Petuntse*, «la karno de la porcelano», estas feldspato

La vorto *porcelano* devenas de la samnoma konko, pro la simila aspekto kun la molusko de tiu markonko. La nomo de la molusko devenas de la itala vorto *porcella* (porketo), ĉar la konko aspektus simila.


ĉina


saksa


limoĝa

Kiel el porko fariĝis porcelano!

Naive kaj gaje ni turnas vortmumiojn sur la lango. *Porcelano*. Kiom da trivita historio, kiom da saltoj kaj eraroj troviĝas sole en tiuj silaboj! Iam la italoj etigis la latinan *porcus* (porko) al *porcella* (porketo). Pli poste ili faris el ĝi vulgarvorton por vagino. La venecianoj saltis de tiu signifo al nova bildo: Nun ankaŭ la *mara konko* nomiĝu *"porcella"*. Kiam la unuaj ĉinaj ceramikoj estis elŝarĝitaj en Venecio, la veneciaj komercistoj erare supozis, ke la nobla manĝilaro estas produktita el polvigitaj blankaj markonkoj. Tiel ili nomis la materialon laŭ konko, vagino kaj porketo, *porcellana.* Kaj tiu nomo konkeris la okcidenton.

tradukis Cezar & Donjo, titolo de ni mem,
el: Wolf Schneider:"Vortoj faras homojn"

# Porcelanaj medaloj kaj porcelana kriza helpomono











# *M E D A L I S T O J*

## 12. Tibor Csiky (1932 – 1989)



Hungara skulptisto, reprezentanto de la hungara avangardo. De 1957 ĝis 1972 li instruis en baza lernejo. Sekve li eklaboris kiel profesia skulptisto. Li kunlaboris kun multaj artistoj de la avangarda skolo.

La avangarda arto kun trajtoj kiel konstruktivismo, minimumismo kaj konceptismo difinis la karakteron de liaj ne-figurecaj artefaktoj en diversaj materialoj.



Inter la jaroj 1968 kaj 1998 li aranĝis ne malpli ol 60 grupajn kaj 11 individuajn ekspoziciojn.

Li estis ankaŭ la kreinto de la eksterordinara medalo, kiu estis donacita al la elstara bulgara esperantisto Nikola Aleksiev.

*Tiun medalon ni jam priskribis kaj montris en jk 2, n-ro 4, p.6-7*



# Internacia Helpa Mono (2)

## B La Ĉekbanko Esperantista de H. F. Höveler (1859-1918)

Herbert F. Höveler post la apero de la spesmila monosistemo cerbumis pri ĝia praktika aplikado en la bankoservo. Tial li fondis en 1908 en Londono la Ĉekbankon Esperantistan. Tiucele li kreis ne nur ĉekformularon, sed ankaŭ du transpagilojn en formo de poŝta karto *(por bildoj: vidu jk 2, n-ron 3, p. 20-23).*

La Ĉekbanko Esperantista krome disponigis kolorajn valormarkojn por vendi al kontoposedantoj, por ke ili povu pli facile pagi malgrandajn sumojn. Tamen, denove la vendo de tiuj markoj estis oficiale malpermesita.




Kelkaj el la entute 12 diversaj valormarkoj

PRISKRIBO:

La valormarkoj estas dentumitaj.

Mezuroj: 24x20 mm.

Speso-valoroj: 25, 50, 75, 100, 200, 300, 400, 500 (ĉiuj en verda koloro).

Spesmilo-valoroj: 1000 (ruĝa), 2000 (blua), 3000 (bruna) kaj 5000 (flava).

Sur ĉiuj estis presita la valoro en nigra koloro.

BILDO:

Ĉiuj montras kolombon kun branĉo, super la vorto ESPERANTO, steleton en la kvar anguloj kaj du hemisferojn sur geografia mapo.
Surskribo: "UNU MONDO, UNU MONO, UNU LINGVO".




Ambaŭflanke, vertikale:
"ĈEKBANKO ESPERANTISTA".

Tute sube: kartuŝoj kun valoroj. Ekzemple 0 Sm$^{100}$, 1 Sm$^{000}$

Daŭrigota

# *T E R M I N A R O*

## *Alfabeta listo (13)*

**Alpako:** *kvazaŭ-arĝenta alojo el 75 % da kupro, 15 % da nikelo kaj 10 % da zinko.Ĝin kreis du laboristoj el Lyon (Francio) nome Maillot (prononcu: majo) kaj Chorier (prononcu: kori-e).*

**Arĝentano:***vidu* “alpako”

**Bilo:** *kambio, per kiu la subskribinto devigas sin pagi ĉe fiksita tago sumon al persononomita, aŭ, laŭ ties ordono, al alia persono.*

**Ĉeklibro internacia:** *eldonita en 1908 de la esperanta konsulejo en Ĝenevo. Ĉiu libro enhavis 50 ĉekojn kaj kostis 50 spesojn. La nomo de la banko, al kiu la ĉeko estu adresota, ne estis presita sur la ĉeko, sed devis esti skribata mane, tiel, ke ĉiu esperantisto povus uzi tiajn ĉekojn, skribante sur ili la nomon de sia banko.*

**Ĉenoŝnuro:***vidu* “perloŝnuro”

**Loka interŝanĝa sistemo:** *ekonomika sistemo por alternative interŝanĝi, evoluanta apud la ekonomia superrega sistemo.*

**Majoliko:***speco de malnova krudspeca fajenco, diketa kaj glazurita, de itala aŭ hispana origino.*

**Novarĝento:** vidu “alpako”

**Perloŝnuro:***ŝnuraspekta krono paralele kun la rando de monero aŭ medalo kaj konsistanta el ekz. etaj kugletoj.*

**Porcelano:***speciala, delikata ceramikaĵo duondiafana, glazurita, kiun oni faras el kaolino kaj kiu vitriĝas en sia maso ĉirkaŭ 1400°C. Sufiĉe ofte uzata por medaloj, foje por helpomono.*

**Pra-insigna (medalo):***medal(et)o konsiderinda kiel fundamento de nuntempaj insignoj kaj eĉ butonoj. Ĝi ankoraŭ havas (ofte rondan) medalformon, sed iome aspektas kiel ordeno kaj eblas fiksi ĝin sur veston per pinglo, fibolo aŭ alie (Rigardu en la aktuala rubriko “Moneroj & Medaloj”).*

**Sabloŝtono:***tre dura ceramikaĵo, kiu bakiĝas ĉe 1200°C.*

**Specialaj rajtoj de enspezo:** *suplementaj rezervaj aktivoj de fremdaj valutoj, kiujn la Internacia Mona Fonduso konservas por siaj membroj.*

**Valuto:** *teritoria formo de mono, uzata en komerco kiel pagilo por interŝanĝoj. Ĝenerale, valuto estas la moneroj aŭ monbiletoj establitaj oficiale de lando aŭ teritorio. Ĝi estas parto de monprovizo de lando, kune kun ĉekoj, debetkartoj kaj aliaj formoj de pagado.*

# E L  L A  G A Z E T A R O

## Esperanto inspiris la estigon de plia monunuo




Post la estigo de spesmilo, stelo kaj eŭro, ekonomiistoj kaj retumantoj el la tuta mondo lanĉis la virtualan valuton *monero*.

Temas pri retpagilo, estigita por fari konkurencon al la internacie konata bitmono. Laŭ ĝiaj respondeculoj, *monero* estas pli fidebla ol ties konkurantoj.

La projekto estas malfermkoda kaj disponebla al ĉiuj interesitoj.

En la simbolo de la nova monunuo troviĝas jenaj esperantlingvaj vortoj: sekura, privata kaj nespurebla.






Fonto: http://esperantoilustrita.blogspot.be/2017/02/esperanto-inspiris-la-estigon-de-plia.html

*Ni kore dankas nian membron Herman Deceuninck pro lia kontribuo!*

# **Krimula submondo amase transiras de *bitmono* al *monero***




Negocistoj pri narkotaĵoj kaj armiloj, diĝitaj krimuloj kaj eĉ nord-koreaj kodumuloj pli kaj pli preferas la *moneron*. La kurzo de la relative nekonata kriptopagilo pli rapide plialtiĝas ol tiu de la bitmono. Laŭ la novaĵagentejo Bloomberg, kiu citas sekurecajn ekspertojn, la bitmono ekmalplaĉas al krimuloj. La valoro de *monero* en decembro 2017 kvarobliĝis ĝis 332 eŭroj.

Tamen bitmono provizore restas la preferata valuto de la komputilkrimuloj. La Internacia Polica Organizaĵo (IPO= Interpol) tamen avertas, ke "aliaj kriptovalutoj kiel *etereo* kaj *zcasho* iĝas pli ŝatataj en la diĝita submondo". Tiel ekzemple monero konkeras teritorion en la *nigramerkata reto*, la t.n. mallumaj domaĉoj de la reto, kie estas forkomercataj ĉiuj malpermesitaĵoj.

En 2017 unuafoje krimuloj postulis elaĉetan monon pere de monera valuto. Eĉ en la Pop. Dem. Resp. Koreio krimuloj malkovris la avantaĝojn de *monero*j. Kodumuloj – laŭdire kunlaborantoj de la estraro – jam misuzis la servilon de sud-koreia firmao, por "rikolti" kriptopagilojn. Profita rezulto: 70 moneroj.

La nekrimulaj uzantoj ne vere intencus esti malicaj. Por ili nur gravus ŝirmi la propran privatecon. Ili uzas ŝajnadresojn por transsendi ĝiraĵojn, por ke nedezirindaj kaŝobservantoj venu tro malfrue. La adreso de la ricevonto kaj la ekzakta sumo estas severe riglataj.Tiel bankoj ne plu povas kontroli la monercirkuladon kaj tiel unuafoje en la historio de la kapitalismo estraraj kaj bankaj oficialaj monopolioj troviĝas eksterlude… Ĉu longtempe?

El la belga gazeto "De Morgen" de 15.01.2018

elnederlandigis Bert

***R E T P O Ŝ T O***

de vi por ni!

# Reagoj kaj konversacioj

13.01.2018 12:48

Estimata,
en 2017-12-17 21:18 GMT+00:00 vi skribis:
*> mi dezirus interparoli kun la persono en LKK de Lisbono kiu estas*
*> fakul(in)o pri UK-filatelo.*
*<...>*
*>Mi petas vin sendi al mi lian/ŝian retadreson aŭ peti lin/ŝin*
*> kontakti min.*
Vi povas kontakti kun mi mem, al <tuvalkin@esperanto.pt>. Dankon pro viaj bondeziroj!
Salutas
António MARTINS-Tuválkin
estrara sekretario de
Portugala Esperanto-Asocio

*14.01.2018 12:17*

*Tre estimata S-ro MARTINS-Tuvalkin!*
*Koran dankon pro via respondo.*
*Ĉar kutime la respondecul(in)o pri UK-filatelaĵoj estas eventuale ankaŭ petata organizi eldonon de memora UK-medalo (kio ankaŭ okazis en Seulo), en mia antaŭa letero mi petis kontakton kun tia persono en la Komitato.*
*Tiurilate mi nun kunsendas petleteron direktatan al la membroj de la Loka Kongresa Komitato, emfazante la gravecon de arta memormedalo (en metalo aŭ alojo) por rememorigi en la estonto la unuan UK-n organizita en la ĉefurbo de Portugalio, sendube unika evento en la historio de Esperanto kaj de Portugalio!*
*Tial mi petas vin diskonigi la enhavon de nia petletero al la membraro de la 2018a LKK por ke ili mem povu konsideri la proponon kaj sendepende decidi tiurilate.*
*Nome de ENA kaj de ĉiuj esperantaj numismatoj mi antaŭdankas vin kiel peranton de nia mesaĝo kaj samtempe deziras al ĉiuj kunlaborontoj en Lisbono ege sukcesan Universalan Kongreson.*
*Kun samideanaj kaj numismataj salutoj!*
*Mag. Bert Boon*
*Iniciatoro de Esperanto-Numismatika Asocio (ENA) Ĉefredaktoro de "Esperanta Numismatiko"*
*UEA- fakdelegito pri numismatiko*

A L D O N O:

*Estimataj LKK-membroj, karaj gesamideanoj!*
*Kiel filatelisto mi ĉiun jaron denove ĝojas ke dum nova UK aperas diversaj filatelaĵoj, sed samtempe mi bedaŭras tro ofte, ke tro MALofte aperas ankaŭ memora medalo okaze de tia grava evento.*
*Antaŭ 2013 neniu petis al tiama LKK ne forgesi la numismatojn kaj eldoni ankaŭ memoran medalon. Sed poste la situacio ŝanĝiĝis.*

*En 2012 ni prenis la iniciativon fondi (verŝajne por la unua fojo en la historio de Esperanto) fakgrupon pri esperanta numismatiko. La nova fakgrupo (vidu ankaŭ la Jarlibrojn 2013, 2014, 2015, 2016 kaj 2017), Esperanto-Numismatika Asocio (ENA), havas propran revuon ("Esperanta Numismatiko") kaj sendas ĝin kvarfoje jare kaj senkoste al 82 individuaj membroj en ĉiuj kontinentoj kaj al 19 esperantaj asocoj, muzeoj, universitatoj kaj bibliotekoj dise en la mondo.*
*En la nomo de tiuj membroj kaj de ĉiuj venontaj membroj ni petas konsideri la eblecon eldoni memoran medalon, ekzemple parte kun esperanta, parte kun portugala teksto. Tiel vi alparolus pli grandan publikon, eĉ portugalajn (kaj aliajn) ne-esperantistajn numismatojn.*
*Vi ne timu pri la vendado, se la medalo estos sufiĉe bela! Kial ne je unu flanko la urbodomo de Lisbono aŭ alia fama konstruaĵo, je la alia flanko busto de Zamenhof? Krome, ĝi devas esti pagebla ankaŭ por maldikaj monunuoj. Garantio certe estus mendigi la medalon kaj pagigi anticipe al speciala konto. Por la UK mem vi povus poste decidi pri la eldonkvanto laŭ la sukceso de la antaŭa perreta vendo. Retaj adresoj por reklami pri la projekto certe ne mankas al vi, ĉu?*
*Kiel numismato mi scias, ke en Portugalio estis famegaj medalistoj-skulptistoj kiel Armindo Viseu (kiu en 1982 kunlaboris kun la medalfarejo Gravarte en Rua do Bacalhau) kaj L. Ramos de Abreu. Tamen mi estas certa, ke en (la regiono de) Lisbono estas ankaŭ nuntempe tre lertaj medalistoj. Kredu min, multajn jardekojn poste tiu medalo restos la plej brila elpendaĵo de la unua Universala Kongreso en Lisbono!*
*Mi povas aldoni ke mi mem jam nun mendas minimume du ekzemplerojn kaj ke ENA reklamos en esperantistaj rondoj kaj anoncos la eventon en diversaj revuoj, unuavice en la revuo de la ENA-anoj.*
*Por montri al vi la belecon de UK-medaloj, mi aldone kaj ekzemple sendas bildojn de UK-medaloj el la jaroj 1928 (Antverpeno/Belgio); 1978 (Varna/Bulgario); 1990 (Havana/Kubo) kaj 2017 (Seulo/Respubliko Koreio).*
*Altestime kaj numismate,*
*Bert Boon*
*Iniciatoro de ENA, ĉefredaktoro de "Esperanta Numismatiko"*

*Kelkaj UK-medaloj*






*16.01.2018 19:08*

*L.S.*

*Nachdem ich vor kurzer Zeit eine kleine, elegante Medaille aus 1912, hergestellt von den Gründern Ihrer Firma, bei einer Auktion gekauft hatte, wollte ich als Numismatiker über dieses Artefakt im Jugendstil, über die Firma und über den Künstler dieser Medaille möglichst viel Auskunft suchen. Im Internet fand ich Ihre Adresse und ich möchte Sie um Auskunft bitten.*

*In 2014, zum ersten Mal in der Geschichte des Esperanto, wurde in Belgien einen numismatischen Fachverein gegründet (ENA= Esperanto- Numismatika Asocio) mit Eigener Fachzeitschrift "Esperanta Numismatiko". In dieser Zeitschrift möchte ich als Chefredakteur nicht nur auf wissenschaftlicher-Weise diese Medaille (siehe Beilage) beschreiben und zeigen, sondern auch die Rolle der Firma Glaser & Sohn betonen. Dazu bitte ich Sie an erster Stelle um Ihre Genehmigung um die Angaben im Internet verarbeiten zu dürfen.*

*Dazu brauche ich überdies Auskunft über einige technische Angaben aus Ihren Archiven vom Jahr 1912:*

- *Legierung*
- *Namen des Künstlers-Medailleurs, kurze Biografie und Foto*
- *Zahl der herausgegebenen Medaillen*
- *Namen des Auftraggebers*
- *Andere Esperanto-Objekte hergestellt in der Geschichte der Firma*

*Auch wenn Sie mir nach längerer Zeit nur wenige von diesen Angaben zusenden könnten, dann werde ich mich noch freuen über Ihre Hilfe. Der Artikel wird publiziert werden in unserer Zeitschrift und an Ihre e-mail- Adresse geschickt und an unsere viele Mitglieder in der ganzen Welt. Weiter an 19 abonnierte Organisationen, unter denen auch die Fakultät Numismatik der Wiener Universität. Weiter wird der Artikel auch einen eigenen Platz bekommen in dem ersten numismatischen Esperanto-Katalog.*



*Im voraus bedanke ich mich und grüsse Sie*

*Hochachtungsvoll.*

*Mag. Bert Boon*
*Iniciatoro de Esperanto-Numismatika Asocio (ENA)*
*Finredaktoro de "Esperanta Numismatiko",*
*Fakdelegito pri numismatiko*

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

18.01.2018 17:32

Bert,

Mi pensis ke la du insignoj kies bildojn mi sendis al vi estis unikaĵoj, sed hodiaŭ mi konstatis ke en Kortrijk estas tuta kolekto da ili.

Aldone skanaĵo de la nun trovitaj ekzempleroj, sed verŝajne ankoraŭ estas pli. Mi nur post kelkaj monatoj havos tempon por funde serĉi kaj priskribi ilin.

Roland

*18.01.2018 17:56*

*Kara Roland,*

*Via mesaĝo sonas en miaj oreloj de numismato kiel muziko. Mi intencas post la fino de via esplorado vojaĝi al Kortrijk kun miaj fotoaparato, pesileto kaj mezurilo por riĉa rikolto favore al "Esperanta Numismatiko" kaj al niaj membroj. Ĉu vi ĝustatempe povus sendi al mi sciigosignon?*

*Kun multe da danko!*

*Bert*

18.01.2018 18:31

Mi ĝis nun ne detale rigardis, sed mi scias kie rigardi: en tri grandaj skatoloj. Se vi havas tempon por mem traserĉi tiujn skatolojn, vi jam povas veni je la unua okazo. Principe mi estas en Kortrijk ĉiun unuan kaj trian ĵaŭdon de la monato, ekde 10.30 h. (petu la Esperanto-Fondaĵon en la kela etaĝo de la urba biblioteko).

Tamen indas antaŭe anonci vian viziton, kaze ke pro iu kialo mi ne povas veni.

Roland

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

21.01.2018 12:29

Estimata s-ro Klag,

koran dankon pro viaj interesaj informoj.
Leginte ilin mi ekhavis ideon kaj proponon por vi:
Eble vi partoprenos nian "Trilandan Kongreson" en Dupontoj.

Ĉu ne estus bona okazo por vi fari tie prelegon pri René de Saussure aŭ eĉ fari fakkunvenon pri numismatiko?
Mi aldonas nian bultenon en la germana lingvo kaj en Esperanto.
Kun sinceraj salutoj el la urbo de la rozoj kaj ĉevaloj,

Oliver Walz

21.01.2018 17:01

Estimata s-ro Walz!

Elkoran dankon pro via invito al la Duponta Kongreso.

Mia edzino Renate kaj mi tre volonte partumos la kongreson kaj aliĝis ĝis la fino de januaro. Ankaŭ mia edzino parolas Esperanton (same miaj infanoj, sed mi ankoraŭ ne scias, ĉu ili povos veni).

Saussure-prelego estus tre bona ideo, sed, kvankam mi estas fakdelegito pri numismatiko, ne havas sufie da scio kaj informoj pri la temo. Mi nur eldonis la arĝentan 100-stelan monero-medalon.

Eventuale ni organizu neformalan diskutrondon.

Mi sendas tiun-ĉi leteron ankaŭ al s-ro Bert Boon, kiu fondis kaj estras la Esperanto-Numismatikan Asocion (jarlibro de UEA 2017, paĝo 78).

Aldone tekstoj tiurilataj.

Salutas

Walter Klag & Renate Klag, delegitoj de UEA

10.02.2018 14:05

Estimata S-ro Klag,

Mi gratulas pri la iniciativo, sed laŭ mia kalkulo la nominala valoro de la nova arĝenta 100-stela monero devintus esti ĉ 250 steloj - ĉu ne?

Ŝajne  cent steloj en aliaj stelo-moneroj ne suficas por aĉeti ĝin, kaj ricevi nur 100 stelojn en plastaj moneroj kontraŭ unu tiu monero estus tro granda perdo en aĉetpovo.

Tamen eble vi neniam konceptis ke la monero estu uzata por interŝanĝo aŭ pago, kaj ke ĝi estu simple iaspeca memor-honora medalo.

Sed, se, kiam vi estos rehavinta la elspezojn, vi mendos pluajn aliajn monerojn, ĉu estus bona ideo specifi nominalan valoron kiu permesos ke ĝi estu uzebla kiel vera monero?

Laŭ mi, la spirito de la nuna apoko tre favoras la revivigon de la ideo de Esperanto-mono kaj speciale en formo kiu pli-malpli konservus stabilan aĉetpovon kaj ne submetiĝas al la manipulo far moneldonaj-instancoj.

Estas pridiskutinde ĉu la aĉetpovo de tia mono estu sekurigita subaze de vivokosta indico aŭ, kiel kutime en la pasinteco, ligita al oro. Sed tio estas alia afero. Vi certe divenis per miaj artikoloj pri la Spesmilo, kio estas mia persona prefero.

Amike via, Terry Watts

PS Mi supozas ke ne eblus nun surstampi alian nominalan valoron. Sed eble oni povus en la praktiko ŝangi la nominalan valoron per akompananta atestilo kiu atestas ke ĝi estas interŝanĝebla kontraŭ certan sumon en steloj (aŭ alia valuto). Tiu atestilo povus eventuale specifi lokon (ekz dum U.K.) aŭ tempo-periodon de valideco

11.02.2018 17:11

Kara s-ro Watts!

Jen la aktuala kurzo de la Stelo:

https://www.facebook.com/plastamono/

EUR: € /★: 4,117 ★/€ : 0,2429

Do 100 Steloj = 24,29 €.

Unu unco da pura arĝento kostas aktuale laŭ https://www.finanzen.net/rohstoffe/

16,36 € + 20% impostoj + 4 % aĉetkostoj = 20,42 €.

Aldoniĝas la pregokostoj kaj la kostoj por la sendado kaj tiel plu.

Salutas Walter Klag

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

*18.01.2018 14:33*

*Kara amiko Jozefo,*

*Dum tri monatoj ni zorge preparis la unuan numeron de 2018, provante plejeble bone respekti la Monato-konvenciojn, sed oni ĉiam "pagu sperton per vundiĝo", ĉu ne?*
*Tamen, mi esperas, ke vi havos plejeble malmulte da laboro por purigi la tekstojn.*
*Laŭkutime mi anticipe kaj kore dankas vin pro via tre aprezata kunlaboro.*
*Amike kaj numismate,*
*Bert*

22.01.2018 18:33

Kara Bert,

jen miaj sugestoj. Mi opinias, ke pro la uzo de la Monato-konvencioj nia revuo havas pli unuecan aspekton.
Akceptu miajn amikajn salutojn kaj gratulon pro la aparte riĉa enhavo!
Amike: Jozefo

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

*22.01.2018   18:21*

*Estimata samideano,*

*Mi skribas al vi por peti vian helpon. Por korekte informi la legantaron de la revuo "Esperanta Numismatiko", mi petas vian konfirmon pri bildo sur esperanta medalo pri Santander. Mi supozas, ke la bildo sur la medalo montras parton de la Palaco de la Magdalena. Ĉu vi konsentas aŭ ĉu mi eraras? Ĉu eblus havigi al mi foton de tiu palaco el la sama vidpunkto?*

*Mi tutkore antaŭdankas vin kaj salutas vin samideane kaj*

*altestime,*

*Mag. Bert Boon*

23.01.2018   21:28

Estimata Bert,

Vi tute pravas.Tiu medaljono, rememoras la Hispanan Kongreson de Eo en la jaro 1933-a.La Magdalena Reĝa Palaco (mi aldonis la koncepton "reĝa", ĉar nuntempe oni ofte misuzas la vorton "palaco", kiel ekzemple 'sporta palaco', hotela palaco, kaj simile). Jen resumo mia pri la Palaco kun aldonita foto el interreto.

Sukceson kaj Bondezirojn al vi !

Ángel García Gutiérrez .
Santander (Hispanio)



*28.01.2018   16:07*

*Kara Ana,*

*Mi bedaŭrinde devas denove rabi iom de via valora tempo. Mi nuntempe estas priskribanta la hispanan medalon el la jaro 1973 (Madrid). Mi ne sukcesas bone vidi kio troviĝas en la verda stelo super la triumfarko. Ĉu estas eta persono aŭ objekto kun ok punktoj? Mi jam pligrandigis la bildon kiun vi sendis, sed sen sukceso. Mi pensas ke oni bezonas lupeon. Do mi petas vin, sed ne urĝe, uzi iom de via tempo por priskribi al mi kion vi povas vidi. Mi kompreneble tutkore antaŭdankas vin.*

*Amike kaj numismate,*

*Bert*

06.02.2018 22:22

Kara Bert,

Solviĝis la mistero. Temas pri reprezento de la kvadrigo de Minervo, kiu ornamas la supron de la arko. Ja la medala bildo estas tre stiligita, sed eblas konjekti tion el la libro "Historia del esperanto en Madrid", de Lupe Sanz, kie troviĝas la desegno, kiun mi sendas aldone.

Jen kelkaj ligiloj pri la monumento:
https://eo.wikipedia.org/wiki/Arko_de_Triumfo,
https://www.flickr.com/photos/mroa/7746493276/in/photostream/lightbox/

Fine, mi venos al Lisbono.

Amike,

Ana Manero
Biblioteko Juan Régulo Pérez
www.esperanto.es/biblioteko
biblioteko@esperanto.es

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

03.02.2018 16:21

Estimata Bert,

Dankon pro la informo, ĝi baldaŭ aperos en la kalendaro de Eventoj.

Amike,
Imre Keményfi

>kalendaro.eventoj@gmail.com
> Kompletigo al la Internacia Kalendaro
> Dato de la aranĝo: 28 julio-4 aŭgusto 2018 ( UK)
> Nomo de la aranĝo: Kunveno ELF-AREK & ENA
>Loko (urbo, lando): Lisbono/ Portugalio
> Priskribo: Esperantaj filatelistoj kaj numismatoj kunlaboros por kunvenigi membrojn kaj aliajn samideanojn. Tute senkoste!
> Organizula nomo: ELF-AREK & ENA
> Organizula poŝt-adreso: Merelhof 8/ B-3300 Tienen/BELGIO
>Organizula ret-poŝto: bert.boon@skynet.be
> Informinto: Bert Boon & Elda Doerfler
>
> 28 julio-4 aŭgusto 2018 (UK) Kunveno ELF-AREK & ENA Esperantaj filatelistoj kaj numismatoj kunlaboros por kunvenigi membrojn kaj aliajn samideanojn. Tute senkoste!

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

15.02.2018 15:50

Belan sunradian tagon Bert!

Multajn dankojn pro la revuo numismatika. Ĉiokaze ĝi estas tre interesa ankaŭ tial, ĉar ĉiuokaze vi portas ian novaĵon. Nun inter la interesaĵoj rolas la anoncoj pri sinjoro Walter Klag, kun kiu lastatempe ankaŭ mi havis kontakton. Li volonte donis helpon al mi al mia hungarlingva romano. Li neniom skribis al mi pri si, do mi aparte ĝojas pro lia foto kaj informo, ke li estas ĵurnalisto. Laŭ la foto estas simpatiulo, same kiel laŭ lia pasintjara agado. Reirante al la revuo mi konfesas mian ĝojon legi ĝin. pri mono eldonita de Miŝkolcanoj mi ne scias, sed tiu plaketo pri portreto de Zamenhoj memorigis min pri tio, ke en 1983 okaze de la Universala Eo-Kongreso en Hungario, nia miŝkolca teritoria prezidanto farigis diversajn objektojn per la verda stelo kaj surskribo pri Esperanto.Nu, inter tiuj mi havas - kiel heredaĵojn de la nomita prezidanto sinjoro Barnabo Batta – ornamteleron kun hungaraj flormotivoj rande, meze la Eo-stelon kaj la frazon: Saluton el Hungario.

Amike:Adri




18.02.2018 17:30

Kara Adri,

Kun ĝojo kaj danko mi ricevis viajn retajn mesaĝojn. Mi volonte kolektos diversajn fotojn de vi senditaj kaj tiu de la belega ceramika telero mi uzos por ilustri vian leteron en “Retpoŝto”, ĉar ĝi estas enhave ligita al la ceramikaj medaloj.
Al mi ankaŭ plaĉas via mesaĝo el kiu mi scias, ke la revuo estas sufiĉe interesa por vi. Dankon!

Amike kaj numismate,

Bert

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

12.03.2018 10:42

Estimata S-ro Boon,

Vian retadreson mi ricevis de Cyreen Knockaert, kiu ĉi tie en la Heredaĵo-Biblioteko Hendrik Conscience ĉiun lundon voluntule aldonas la objektojn de la Esperanto-biblioteko al nia porpublika katalogo.

Cyreen jam transsendis al mi ĉiujn aperintajn jarkolektojn de via diĝita revuo "Esperanta Numismatiko", inkluzive la unuan numeron de 2018.

Kiel respondeculo pri la stokitaj revuoj en nia biblioteko, mi volonte deponos ankaŭ la revuon de ENA: mi konservos sekure ĉiujn numerojn en nian servilon kaj disponigos ilin diĝite per aparta ligo en la porpublikan katalogon.
Mi do petas vin sendi al mia retadreso ĉiun novan numeron (ekde numero 2 de la 5a jarkolekto) en pdf-formato.

Anticipe jam koran dankon!

Kroman finan demandon. Cyreen sciigis al mi, ke vi estas la iniciatinto de Esperanto-Numismatika Asocio. Kiun adreson mi menciu kiel sidejo de la asocio kaj de la redakcio?

Kun amika saluto,

Marcel van den Heuvel

Marcel van den Heuvel | Administrado de periodaĵoj
Urbo Antverpeno | Kulturo, sporto & junularo | Museoj Heredaĵo Antverpeno | Heredaĵo-Biblioteko Hendrik Conscience
Hendrik Conscienceplein 4 | 2000 Antwerpen

*12.03.2018 18:51*

*Estimata S-ro Van den Heuvel,*

*Estas honoro kaj ĝojo akcepti vian proponon. Ni dankas vin pro via intereso kaj per vi ni regule sendos al la Heredaĵo-Biblioteko Hendrik Conscience la novajn numerojn de Esperanta Numismatiko en pdf-formato. La venonta aperos fine de aprilo.*

*La fakgrupo Esperanto-Numismatika Asocio (ENA) ĝoje bonvenigas la Heredaĵo-Bibliotekon kiel 20an asocian membron de ENA.*

*Altestime*

*Bert Boon* *elnederlandigis Bert*



# 103-a Universala Kongreso
# Lisbono, Portugalio

28a de julio — 4a de aŭgusto 2018




## INVITO

**de ELF-AREK (FILATELO) & ENA (NUMISMATIKO)**

**al ĉiuj membroj kaj simpatiuloj!**

**Ni atendas Vin sabaton, la 28-an de julio 2018,**

**ĉe la Movada Foiro.**

**Turka Stelo**

La revueto de la turka esperantistaro
Januaro 2016 n-ro: 1

***Turka Stelo*** naskiĝis kiel la revueto por la turkaesperantistaro en januaro2016. Nuntempe la plejparto de tiu gazeto taŭgas al ĉiuj esperantistoj tra la tuta mondo. La revueto estas eldonita en elektronika formo (pdf) ekde la komenco de 2016. Ĝi estas monata kaj senpaga revueto kiu estas disdonata pere de mesaĝ-grupo de Google. La decembra 2016 numero estos la 12-a kaj jubilea numero.

En la revueto ne troviĝas politikaj novaĵoj sed nur novaĵoj el Esperantujo, kaj novaĵoj pri kulturo kaj arto. Kelkaj fremdaj esperantistoj kontribuas al la revueto pere de siajverkaĵoj. En la fino la jaro 2016 la nombro de registritaj abonantoj estis pli ol 165. La revueto estas senpaga kaj la malnovajn numerojn oni povas libere elŝuti el la jena ret-paĝo:

- https://esperantoturkiye.wordpress.com/category/dergi-revueto/

Ĉiuj estas bonvenaj kontribui pere de siaj tradukitaj aŭ originale verkitaj tekstoj, sendi kritikojn kaj leterojn al la revueto ktp. Por senpage aboni al la revueto aŭ sendi kontribuaĵojn vi povas uzi la retpoŝtadreson "**vasilkadifeli@gmail.com**"



Turka Stelo, jarkolekto 2016.

**Atentu! En la januaro-numero de 2018 (numero 25, p 26) aperis interesa artikolo: "Monda Monunuo: La Stelo".**

*Ni kore dankas nian Walter Klag pro la atentigo!*

# Varbilo por ENA!

**Karaj membroj!**

**Bonvolu fojfoje dissendi la suban tekston al plejeble multaj gesamideanoj, kies retadreson vi konas. Nur tiel la nombro de ENA-anoj povos daŭre kreski. Via subteno estas bezonata! Ni anticipe dankegas vin!**

**Bert**

Kara samidean(in)o,

Pro la ĝis tiam kompleta manko de tia projekto, estis fondita en 2013 la probable ununura fakgrupo "Esperanto-Numismatika Asocio" (ENA) kun revuo "Esperanta Numismatiko" en la historio de Esperanto.

La instiga kialo estis la konstato, ke en Esperantujo la propra trezoro je moneroj kaj medaloj estas apenaŭ konata, eĉ ne en la vasta rondo de kolektantoj. Kaj tiuj, kiuj scias, ke vere ekzistas tiaj belaĵoj, supozas, ke ili estas kvante kaj kvalite tute malgravaj. Tial, unu el la ĉefaj celoj de la nova fakgrupo estas montri al la esperantistoj kaj al la cetera mondo, ke esperantaj numismatikaĵoj estas kolektindaj kaj nepre pristudendaj artefaktoj. Kroma celo estas plejeble baldaŭ kompili kaj eldoni katalogon kaj enciklopedian terminaron.

La membro-kvanto de ENA kreskis dum nur kvar jaroj ĝis 91 individuaj membroj kaj 20 esperantaj (kaj eĉ neesperantaj!) organizaĵoj, bibliotekoj, muzeoj kaj universitatoj, dise en la mondo.

Agrable por vi estas sendube, ke la asocio ne havas estraron, do ankaŭ ne kasiston!

Tial oni rajtas SENPAGE aliĝi (sufiĉas respondi: "Mi konsentas aliĝi"). Krome la *NUR PERRETA* revuo estas tute SENKOSTA! Kaj tio neniam ŝanĝiĝos!

Post aliĝo, vi baldaŭ ricevos perrete ĉiujn jam aperintajn kaj sekve ĉiujn aperontajn numerojn. (4 n-rojn jare).

Nian anoncon vi trovos ankaŭ en la Jarlibro de UEA 2017 sur p. 67. Se vi deziras pliajn informojn, ne hezitu kontakti nin tiel: bert.boon@skynet.be!

## Vi rajtas unue peti provnumeron!

Kun numismataj kaj samideanaj salutoj,

Bert Boon
Iniciatoro de ENA, ĉefredaktoro de "Esperanta Numismatiko"